JARO XVII, Sofia—Bulgario
julio–decembro 1973, № 3—4

# INTERNACIA JURNALISTO



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## *GAZETARA KONCENTRIGO KAJ MONOPOLO*

*La gazetara libereco kaj ĝia kapablo esprimi la diversajn interesojn — politikajn, sociajn kaj kulturajn opiniojn de la koncerna societo, kaj la ebleco sin meti je ilia dispono, estas necesega kondiĉo por la vivo de la libera kaj demokrata lando.*

*Malgraŭ tiu ĉi neanstataŭebla rolo de socia, kultura kaj politika instigo por la civitano, la gazetaro — kiun la franca „Le Mond" rekonas kiel „La plej efika kaj potenca komunikilo de ideoj kaj homoj" — suferas en la tuta mondo seriozan krizon, kiu minacas ĝian ekzistadon kun tiel urĝa ritmo, kiun oni povas difini „je progresema rapidigo". Tiu ĉi krizo atingas hodiaŭ altajn pintojn. Antaŭ kelkaj jaroj oni legis en ĵurnalista verko: „preskaŭ ĉiusemajne ĉiutaga gazeto mortas en iu angulo de la mondo". Estas mortoj kiuj okazas — kiel skribas la hamburga eldonisto Alex Ŝpringer — „post longa agonio sen tiu bruo aŭ kriado, kiu akompanas kutime kelkajn industriajn bankrotojn".*

*Rigardu tion, kio okazis en la mondo dum la lastaj jaroj kaj kio donis la mezuron pri la profunda krizo de la gazetara sektoro.*

*Dum la dudek ok jaroj post la Dua Mondmilito, kelkaj landoj perdis de unu triono ĝis unu kvarono da ĉiutagaj gazetoj, kelkfoje la duonon. Ekzemple: Francio, de 203 (nombro de gazetoj) dum 1949, ili malpliiĝis al 80 dum la sama periodo; Italio — de 136 — al 79; en Svedio — inter 1948 kaj 1963 malaperis 78, kaj dum jaroj en Finnlando — 30 gazetoj. Dum la lasta jardeko la nombro en Danlando malpliiĝis de 109 ĝis 65, Aŭstrio- de 35 al 29, Belgio- de 47 al 41, Norvegio- de 175 al 158, Okcidenta Germanio — de 2500 al 1200 (en tiu kvanto estas entenataj ankaŭ la provincaj), Usono dum 30 jaroj perdis multajn centojn da tiaspecaj gazetoj.*

*Tio estas vera hekatombo, kiu evidentigas kompreneble la krizon, kiu turmentas la gazetaron: estas tamen aliaj kaŭzoj, ne malpli seriozaj. Venontfoje ni ekzamenos ilin.*

*(Daŭrigota)* *Dino Fabris*

# ORGANIZA VIVO

## TEJÂ — RENKONTIĜO EN BEOGRADO 1973

**El letero al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"**

Cittadella, la 3-an de aŭgusto 1973.

„. . . en la 58ª UK en Beogrado mi esperis finfine renkonti vin, post dek jaroj. Sed la bulgaraj esperantistoj, bedaŭrinde, informis la Prezidanton pri via malbonfarto. Kaj pro tio la kunveno de TEJA havis kiel ĉeestantojn nur 7 personojn: La Prezidanto Tagros Megalli, Mildwurf, Uspienski, Marinko Ĝivoje, mi kaj Davor Gragat, kiu eble aliĝos al nia Asocio, k. a. La renkontiĝo okazis marde, la 31-an de julio, je la 10.30 horo ĉe la Gazetara Servo, kie Marinko Ĝivoje mem gastigis nin.

Tamen, mi povas taksi, ke la kunveneto estis tre fruktodona, laŭ la farita laboro, ĉar oni diskutis kaj decidis jene:

1. Venis ĝis nun tri proponoj pri nova Statuto; tiu de Avoto, de Danovkij kaj de mi. Kune kun la molnova, estas 4 dokumentoj, kiujn ni nun povos finfine ekzameni kaj ellabori por prezenti la definitivan projekton de Statuto dum la 59-a UK en Hamburgo por aprobo. Kaj ĝuste tion vi preskaŭ skribis sur la paĝo 7-a en la n-ro 3—4 (julio-decembro) 1971, dua kolono, ll lastaj 9 linioj de „i. j.". La ĉeestantoj opiniis, ke post du jaraj atendado venas jam la horo konkludi la aferon. Pro tio nun mi sendos al Thormodsen la novan projekton kun la proponoj, akcepteblaj en ja tri lastaj dokumentoj. Li sendos al la estraranoj de TEĴA por la lastaj eventualaj korektoj, post kio vi publikigos ĝin en „I. Ĵ." aldononte enketilon por ke la ĵurnalistoj, (kiuj ne partoprenos la 59-an UK) antaŭ la Kongreso bonvolu sendi siajn aprobojn aŭ rekomendojn al la Estraro. Tial jam de nun vi povas anonci en la tuja numero de „I. Ĵ." ke venontjare la Estraro publikigos la novan projekton kaj resumos la diversajn proponojn alvenintajn al la Estraro mem.

2. Mildwurf informos pri propono ricevita de iu aŭstralia ĵurnalisto pri taŭga (laŭ lia vidpunkto) nova membro-karto de la Teĵanoj tri-aŭ kvarlingve: Esperanto, Angla, Franca kaj Rusa (?) — kiun la aŭstraliano mem pretigus propramone: tio estus pli bona prezentado por ni ĉe la internaciaj gazetaraj agentejoj. La Estraro nun devas decidi ĉu akcepti aŭ ne tiun proponon kaj elekti kiajn lingvojn uzi: eble tiu ĉi lasta elekto estos la plej grava kaj malfacila. Pri tio eble la Prezidanto skribos al vi kion fari.

3. Uspienski parolis pri nova sperto tre utila de li farita kun alilanda ĵurnalisto, kiu ege helpis lin en la laboro. Li mem sendos al „I. Ĵ." raporton. Por faciligi niajn kontaktojn, li proponas publikigi en „I. Ĵ." nomojn de niaj kolegoj de la tuta mondo kun informoj pri ilia aparta fako aŭ specialeco kaj dispono en la ĵurnalista laboro (politiko, sporto, literaturo, scienco, k. t. p.)

Kiel vi vidas, mi sendas al vi artikolon. estas la unua parto de pli longa alsendo. Krom tio mi aldonas 26 stelojn — la sola riĉeco de mia kaso, ĉar kelkajn aliajn mi donis al la Prezidanto por ke li pagu nian jarkotizon al UEA (jam de 2 jaroj mi ne pagis ĝin ĉar ni ne havis monon) . . ."

Dino Fabris.

*Nia organo ĉesas aperi! Granda domaĝo por nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) Tamen ni — la ĵurnalistoj — esperantistoj — ne malesperiĝu! Nia devo nun estas, spite al la malagrablaĵoj, eklabori energie, entuziasme por la pliamasiĝo kaj plifortikiĝo de nia tre ŝatata profesia asocio. Al konscia, abnegacia, fruktodona laboro!*

# *Libera tribuno*

## AL PLI BONA LABORO, AL PLI BONAJ INTERRILATOJ!

**(Letero al la redaktoro)**

Estimata Kolego!

Hodiaŭ mi agrable surpriziĝis, ricevante leteron de vi-vian cirkuleran leteron de jun. 20. Mi varme dankas kaj sentas novan esperon. La malofteco de viaj komunikoj preskaŭ kreis en mi impreson, ke la atrofio komencis febligi la muskolojn de nia asocio; mi nun scias, ke nia agado daŭras. . .

Cetere, estas nur per bonŝanco ke via letero atingis min, ĉar ŝajne vi ne atente atente legis nian trian Bultenon; vi skribis „Eweling" sur la koverto, anstataŭ „Welling" (vidu supre). Mi sendas al vi ĉikune duan ekzempleron de la Bulteno. . .

Mi hastas respondi vian leteron (de kiu mi ankaŭ sendas kopion al d-ro Mildwurf)... Bedaŭrinde mi ne povos veni al la kongreso en Beogrado; mi estas nun 77-jara kaj lastatempe pli lamiĝis. Krome mia 80-jara edzino, kiu vivadis konstante en sia lito jam 33 jarojn, pli kaj pli bezonas mian flegadon; mi ne povas lasi ŝin, eĉ por ĉeesti kunvenon ĉiioke. Mi petas la indulgon de la aliaj estraranoj.

Rilate al „sugestoj", mia proponita statuto jam sufiĉas por okupi la atenton de la kunveno, kaj mi konsentas vian propran sugeston, ke la nuna estraro estu reelektita. Tamen mi devas transdoni al vi sugeston de s-ro Kappel (Aŭstralio), kiu aliĝis nian filion kaj pagis sian kotizon. Mi citas el lia letero: —

„. . . Mia sugesto kostus monon, sed tiun sumon mi persone ŝatus donaci. Mi proponas ke TEJA havu belaspektan 'Ĵurnalistan 'Legitimilon' (membrokarton) por siaj membroj, en lingvoj esperanta, angla, franca. Se orient-eŭropaj membroj eble insistus pri la rusa lingvo, bone, ni aldonu, sed tiam nur se oni aldonas la tekston en germana lingvo ankaŭ. . . Mi pensas ke tia legitimilo donus al ni 'profesian rangon' — kaj mi povus imagi, ke nur pro tia bele presita legitimilo ni povus varbi multajn novajn membrojn. Mi volonte pagus ĉiujn preskostojn. . . sur forta, bela kartono. Sed mi insistas ke ĝi presiĝu nur en okcidenta lando kies pli bona presarto garantias seneraran kaj belan aspekton. . ."

Tiu malavara propono ŝajnas al mi tute aprobinda, kaj mi rekomendas ĝin al la jarkunveno.

Rilate al nia Brita Filio, mi devas kun bedaŭro konfesi, ke ĝis nun mi ne sukcesis veki multe da entuziasmo. Ne ĉiuj membroj ankoraŭ pagis siajn kotizojn por 1972, kaj nur du aŭ tri por 1973. Tamen baldaŭ mi sendos kian monon mi havas al d-ro Fabris, kiu povos tiam reguligi sian konton kun vi. Mi ankaŭ alvokis la membrojn al kunlaborado al IĴ, sed la ĝisnuna respondo estas preskaŭ nula. Mi kredas, ke vi havas jam unu artikoleton de mi kaj alian de d-ro Mildwurf, ankoraŭ ne presitajn. Tamen estas atentinde, ke plimulto el niaj filianoj estas jam multe okupitaj de poresperanta laboro, kaj apenaŭ trovas tempon por verki artikolojn ktp.

Pri via plendo kontraŭ naciismaj kaj politikaj antipatioj, mi plene konsentas ke ni, kiel esperantistoj, devus trakti ĉiujn samideanojn neŭtrale, kiel kunhomojn. Estas vere, ke multaj sinceraj personojn (foje doganistoj kaj aliaj limoficistoj, kiuj devas konstante gardi sin kontraŭ diversaj friponoj), ne povas ĉiam eviti sentojn de suspekto aŭ antipaio al nekonataj fremduloj, kies lingvojn ili eble ne bone komprenas. En tiu ĉi trompema mondo, tio estas natura instinkto. Unu el la ĉefaj celoj de Esperanto estas forigi la barilojn kaj instrui toleron. Estimindaj homoj ekzistas abunde en ĉiuj landoj kaj sub ĉiuj ajn „sociordoj"; ni devas nur faciligi interkomunikon, kunlaboron kaj amikecon. La granda iluzio en multaj necivilizitaj popoloj estas, ke oni devas disvastigi siajn opiniojn perforte. Mi mem havas opiniojn pri politiko, religio, raso, ktp., sed mi neniel volas defendi ilin per kuglo aŭ bombo; mi estas ĉiam preta diskuti ilin pace kun aliaj homoj, se ili volas. Nur antaŭ la trompisto aŭ malhonestulo mi armas min per silento aŭ kondamno.

Mi bone konas d-ron Mildwurf, kaj mi povas certe atesti, ke li estas honorinda kaj grandanima homo, kiu pasigis partojn de sia vivo en pluraj landoj, tiel komprenante

intime la etoson kaj vivkondiĉojn de la diversaj popoloj. Li estas larĝe tolerema, kaj tute sen naciismaj antipatioj kaj falsaj antaŭjuĝoj. Li ne facile paciencas antaŭ malkompetento, mallaboremo kaj fanfaronemo, sed ordinare li estas unu el la plej mildaj kaj komplezaj samideanoj konataj de mi. Do ŝajnas al mi, laŭ via letero, ke vi iom mistaksis lin, kaj pro tio mi malĝojas. Mi nur esperas ke, se li venos Beogradon, vi premu lian manon kaj akceptu lin kiel amikon; vi trovos lin ĉarma kaj malkaŝe helpema.

Al vi kaj al *TEĴA* mi deziras ĉian sukceson kaj prosperon.

Via tre sincere: **Avoto**

Red. noto:

**La propono de s-ano Koppel estas ne nur akceptinda, sed ankaŭ varme salutinda. Ni petas la tekston por la projekto-legitimilo en la kvin menciitaj Lingvoj. Tuj post aprobo de la projekto fare de la estraro de TEĴA, s-ano Koppel bonvolu aperigi la ĵurnalistan (TEĴA) membrokarton. Ni sendas al s-ano Koppel du malnovajn membrokartojn kiel „modelon".**

**Redaktoro Iv. K. Esperov — Sofia.**

## AL MIAJ KOLEGOJ

Praha 15. 8. 1973

Estimata samideano,

kiel samfakulo mi ŝatus direkti al vi kelkajn vortojn proponante krei bazon por efika kunlaboro sur la komuna agadkampo, per ko — muna lingvo kaj komunacele — t. e. por la efektiva proksimigo de la popoloj. Se vi konsentas kun tiu ĉi devizo, mi skizu kelkajn punktojn plenumindajn:

1) Interŝanĝi aktualajn informojn (artikolojn) — *originalajn aŭ tradukitajn — por* la nacilingva gazetaro (televido, radio), kiuj helpus al pli bona interkonatiĝo de diversaj nacioj. Eluzadi Esperanton kiel pontolingvon por la perado de kulturaj valoraĵoj. Kunlabori tiucele kun respektivaj kulturaj organizaĵoj kaj informi ilin pri la aktivecoj pere de E-o.

2) Establi skribajn kaj laŭeble personajn. Plani renkonttĝojn de la ĵurnalistoj-esperantistoj kaj de la redaktoroj de Esp. gazetoj. (Mi estas preta helpi event. gastigi vin dum via vizito al Ĉeĥoslovakio).

3) Fondi laŭeble internacian gazeton en E-o, kiun redaktus diverslandaj esp. ĵurnalistoj kaj kiu traktus ĉefe kulturan interŝanĝon pere de E-o. Eluzadi por tio la ekzistantajn E-gazetojn.

4) Prepari kolektivan verkon de la esp. ĵurnalistoj. (la temo povus esti ekz. „Internacia kunlaboro kaj la internacia lingvo"), kiu internaciskale dokumentus la eblecojn de E-o en ĉiuj sferoj de la homa aktiveco kaj speciale en la informa.

5) Interŝanĝi spertojn pri la ĵurnalisma agado pere de E-o kaj popularigi ilin en „Internacia Jurnalisto" kaj en aliaj E-gazetoj.

Fondi ĉe TEĴA komisionon, kiu stimulus la *iniciatojn* sub 1—4.

Mi atendas viajn sugestojn kaj rektajn laborkontaktojn.

**Oldřich Knicha**

red. de Práce, organo de čs. sindikatoj
red. de Starto ČEA kaj PACO. Adreso
Topolová 2916,100 00 Praha 10, ČSSR

Se vi ne povas tuj respondi la leteron, bv. afable esendi tiun ĉi slipon kun jenaj indikoj:

Nomo . . . . . . . . . . . . adreso . . . . . .
. . . . . . . . . . . . naskiĝjaro . . . . en kiu
ĵurnalo (gazeto, radio aŭ televidstacio) vi laboras,
en kiu fako (rubriko) . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Klamaniere vi aplikas E-on en via okupo . . . . .
Adresoj de *aliaj al vi konataj ĵurnalistoj-esperantistoj* en via lando: . . . . . . . . . . . .

**La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sincere petegas ĉiujn membrojn de T.E.Ĵ.A. pagi tuj la ŝuldatajn membrokotizojn kaj la abonantojn — siajn ŝuldatajn abonkotizojn. Tiamaniere oni helpos la redakcion kaj la asocion finance kaj morale! La redakcio atendas la kotizojn!**

## TUTMONDA PRESFOTO 1973 — PREMIITA FOTO



*Sven Erik Sjoberg—Svedlando* **Panoramo post la detruiga milito**

## *MALGAJA REDAKCIA INFORMO*

*Pro manko de rimedoj nia ŝatata organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio — „Internacia Ĵurnalisto" estonte ne plu aperos. La redakcio kaj la redaktoroj de „I. Ĵ." sciigas tion al la membroj de TEĴA kaj al la legantoj de la organo kun granda bedaŭro kaj ĉagreno.*

*Dek sep (17) jarojn la redaktoro — la iniciatinto kaj fondinto de „Internacia Ĵurnalisto" batalis abnegacie kun grandaj obstakloj, malfacilaĵoj, nekomprenemo kaj malagrablaĵoj. Spite al ĉio — li penis kaj aperigis nian organon en malnova, ne konvena presejo, kun preseraroj ofte.*

*Malgraŭ la petegoj de la redakcio, multaj teĵanoj ne pagadis regule siajn membrokotizojn. Sen mono, sen rimedoj kaj nur kun nuda entuziasmo la redaktoro ne povas plu aperigi nian organon.*

*La redaktoro — en la nomo de la redakcio kaj de la estraro de TEĴA — dankas tutkore al siaj plej aktivaj kunlaborantoj, kunhelpantoj kaj precipe al la bonvolaj senprofitaj kunlaborantoj kaj ekspedantoj de „I. Ĵ." en la kancelario de Bulgara E-Asocio, oficistoj de BEA.*

*La redaktoro kaj la estraro de TEĴA penos iamaniere solvi la problemon de sia presorgano, kiun ŝi sciigos al la teĵanoj.*

***Ivan Keremidĉiev—Esperov***

Krum Kjuljavkov

## NIKODIM

(Balado pri la tempo post la Septembra ribelo 1923)

Nikodim ne havas hejmon,
mankas familio, dom' —
ĉion, ĉion jam cindrigis
de Septembro la pogrom';
cindro — panjo kaj edzino,
cindro — tri infanoj mem,
cindro — bonaj kamaradoj,
cindro — la gepatra hejm'.

Lian koron disŝiritan
skurĝas, batas venta vip',
etan, belan vilaĝeton
ruinigis malamik'.
En la tero de l'novalo
dormas senmortula ar';
tie falis en batalo
multenombra junular'.

Sed en la dezertaj kampoj
tra la fum', kiel fantom'
frapas per ĉevalaj hufoj
nevidebla eskadron';
tie flugas kun taĉmento
Septembrulo Nikodim.
Nokte sur ĉevalo nigra
rajdas la bravul' sen tim'.

Kuras birdoj, kuras ombroj,
preterkuras domtegment',
mil fajreroj altas, saltas
sub ĉevalo ŝtorma vent'.
Flage flirtas koloharoj,
en okuloj — flama glim',
kiel vento de Septembro
flugas ĉie Nikodim.

Lin neniam trafas kuglo,
malamik' ne vidas lin,
kantas vento, kantas vojoj,
estas ĉie Nikodim;
kantas vento, kantas vojoj,
ĝemas la patrina kant',
tra vilaĝoj kaj arbaroj
galopadas la rajdant'.

Vojon faras la paŝtistoj,
panon donas kun bonvol',
glavon prenas kaj ekiras
la venkitoj, la popol'.
Glavon prenas kaj ekiras
filoj — multenombra ar',
kvazaŭ kantas la arbaroj,
kvazaŭ plaŭdas ŝtorma mar'.

Timo regas en vilaĝoj,
en vilaĝoj lumas am'.
Riĉaj kaŝas sin, malriĉaj
levas flagon en Balkan'.
Pasas en la domoj luksaj
de riĉul' kaj perfidul'
tagoj nigraj, maltrankvilaj,
tagoj plenaj de terur'.

Frue pordojn oni ŝlosas,
mallumiĝas dom', kaban',
sur la kampoj hele bluaj
flirtas flagoj — ruĝa flam',
tremas ombro ĉe l'rivero,
timvekiĝas dormomul',
krio fendas la silenton,
sonas forta hunda hurl'.

Poste — ĉio mallaŭtiĝas,
time mutas la kampar'.
En solejo silentiĝas
hufofrapoj de ĉeval'.
Galopado, hufbatado
malaperas ie for,
kaj aŭdiĝas kanto venka,
kanto venka — glavsonor'.

Super la novalo nigra
sonas krioj de batal'
kaj galopas en la nokto
apud la ĉeval' — ĉeval'.
Super la novalo nigra
tra l'fumanta malproksim'
flugas kun ribeltaĉmento
Septembrulo Nikodim.

Tradukis: **Asen Grigorov**

---

## ĈU MALFRUE

Ho ve, karega Neli,
ne volas mi sen ĉes'
la dolĉajn kisojn ŝteli,
nek amon — sen permes'.

Ĉar sur ĝardena benko
Sub pluvo en malhel' —
ne estis en malvenko
la am' kaj ties bel'.

Eksentis mi, ke saltas
kor' mia kun la kor'
el via brust' kaj haltis
la spir' en tiu hor'.

Sed kiam niaj lipoj
sin fandis en la fin'
samkiel ruĝtulipoj
pro tim' kaŝantaj sin;

ni devus plu imagi,
ke ne por lasta foj'
ni venkos ĉiujn plagojn
per amo kaj per ĝoj'! . . .

A. L

# INTERNACIAJ LETERAJ LIGOJ DE LA ĴURNALISTOJ

*Antaŭnelonge adresis sin al mi reprezentantino de l'mondkonata revuo de USSR — „Soveta virino" kun peto helpi en ilia embaraso. Temis pri tio, ke ili ricevis leteron de l'sekretario de CLE GDR — Detlev Blanke pri esperantaj problemoj. Sed ne estante informita pri la temo, la redakcio petis konsilojn pri vico da detaloj antaŭ aktuala publikigo.*

*Certe, ĉiuj necesaj klarigoj kaj informoj estis donitaj, la obstakloj antaŭ la publikigo forigitaj. Tamen la redakcio tiel ekinteresiĝis pri la temo ke petis, ke oni faru en la redakcio inform-prelegon*

*Same antaŭnelonge la soveta pres-agentejo „Novajoj" (APN) ricevinte leteron de anglaj legantoj kun peto rakonti pri la agado de sovetaj esperantistoj, alsendis sian jurnaliston al la Komisiono de sovetaj esperantistoj, komisiinte al li ĉion ekscii, priskribi kaj prifoti. Estis preparitaj pri tiu temo plej detalaj materialoj pri la agado, kondiĉoj, kun multaj fotoj, portretoj ktp.*

*Unuvorte-neesperantistaj institucioj okupiĝas pri Esperanto kun plena enpenetro en la temon. Kaj la indikitaj faktoj ne estas esceptoj. Esperanto donas eblecon plej simplan kaj efektivan, por internaciaj ligoj ne nur al esperantistoj, sed ankaŭ al homoj kaj institucioj, ne konantaj la lingvon.*

*La historio konas multajn kuriozaĵojn, ligitaj kun similaj peresperantaj interrilatoj de neesperantaj korpoj. Mi volus rememorigi nur unu ekzemplon. A. A. Semenov estis fama kulturaganto en Jakutio. (Nord-orient-Siberia aŭtonomia respubliko en USSR). Pri li interalie skribis M. Gorkij:*

*„Ekde mia juneco mi sentas al la homoj, similaj al Semenov, senestinge profundan respekton kaj mi ne kaŝas — envion. Bone ili kapablas vivi. Ĝi estas pro tio, ke ili kapablas ĝoje kaj senlace labori".*

*A. A. Semenov meritas specialan artikolon en esperantista gazetaro pri sia vivo kaj agado, kaj mi esperas certatempe plenumi tiun noblan mision Li estis vere eksterordinara homo.*

*Do, la sama A. A. Semenov, ekposedinta Esperanton dum sia knabeco, komencis dubi, ĉu vere ekzistas ankoraŭ similaj stranguloj en la mondo, kiuj kapablus elspezi sian valoran tempon por studi internacian lingvon. Por forigi dubojn li sendis al Londona firmao, aĉetanta kaj vendanta ĉasbirdaĵon en Esperanto kun oferto pri stoko de ĉasbirdaĵoj, kiujn li ŝajnigis posedi, kvankam reale nenion similan li havis. Tio estis en la komenco de la nuna jarcento. Tiam Esperanto estis multe malpli disvastigita ol nun — en la fino de la jarcento. Kaj kiom granda estis lia miro kaj ravo, kiam post kelkaj tagoj li ricevis respondan telegramon ankaŭ en Esperanto, per kiu la firmao esprimis sian dankon pro tiu adresiĝo sed la oferton. ĝi deflankigis, evidente pro ekonomiaj konsideroj. ..iuj duboj malaperis. Kaj post kelka tempo, sciante nur unu lingvon krom la rusa — t. e. Esperanton li entreprenis kune kun sia edzino grandan eksterlandan rondvojaĝon tra multaj landoj.*

*Sed nun estas alia epoko, alia monoklimato, kaj sekve, aliaj celoj estas metataj antaŭ similaj internaciaj perleteraj ligoj. Kaj ilia aspekto estas alia. Unuavice tio estas plivastigo de la pacstreboj. Kaj ĉar Esperanto estas unu el la iloj de tiu vastigo, sekve ankaŭ por vastigo de Esperanto. Precipe tio gravas por la radiostacioj. Ili ja laboras per sia informado kaj komunikado trans limoj, kaj de eksterlimaj reeĥoj kaj komentoj por ili havas fundamentan interson Ili ja estas devigataj posedi grandan aparaton de tradukistoj kaj interrilati en dekoj da lingvoj. Pro tio la radio estas plej preta kaj akceptoplena grundo por vastigo de Esperanto.*

*Kaj ĝenerale vasta enpenetro de Esperanto en nacia gazetaro, radio kaj televido estas plej natura vojo al konscio de moderna homo, plej konforma al la nuna epoko kaj ĝenerale tiu procedo havas kapitalan gravecon. Esperanto jam estas atributo de nuntempa tuthomara, kulturo, de tio oni jam ne povas foriri, kaj do pri ĝi devas okupiĝi plenmezure la nacia preso same, kiel ĝi okupiĝas pri scienco, teknikaj eltrovoj, teatro, kino, belarta kritiko, sporto kaj milo da aliaj temoj de ĉiutaga aktualeco, per kiuj pleniĝas la paĝoj de universala legaĵo.*

*Kaj la ĵurnalistoj estas homoj kiuj facile skribas artikolojn, eseojn, leterojn. Do, necesas inundi la nacian gazetaron per leteroj, entenantaj plej diversajn enhavojn, demandojn, avizojn, informojn, sugestojn kaj proponojn. Ke ĉiu gazeto alkutimiĝu al ricevo de esperantlingvaj korespondaĵoj el eksterlando.*

*La ĵurnalistoj posedas mirinde rapidan reflekt-kapablon por realo. Ili majstras transformi en skribon ĉian vidatan, spertatan, eĉ nur aŭditan. Per tio ili sukcesas diskonigi al la publika opinio plej diversfacetajn detalojn de la realo. Kaj la epistola stilo por la ĵurnalista naturo tute ne estas fremda ĝenro. Ĉiu ĵurnalisto scias la forton de leteroj, ricevataj en redakcioj. Ili estas impulsoj de inspiro, fontoj de studo, kaj ofte direktivoj por ago, instigiloj por vojaĝoj, fundamentaj ŝtonoj por studo, diskuto, malkovroj.*

# ĈAĤOTIÑA ODISEO

Mi sidas ĉe la plej malnova esperantisto en la mondo, kiu ellernis Esperanton jam en la jaro 1892. Malantaŭ la fenestroj bruas Lenin-prospekto. Sur la muro pendas portretoj de amikoj de l'profesoro doktoro Sergeo Ĉaĥotin — akademiano Pavlov, Einstein, Ĵolio Kuri. Sergej Stepanoviĉ komencas rakonton kaj al mi ŝajnas ke la historio mem eniras la pordon.

Mezo de tridekoj. Londona hotelo. Apud kameno sidas duopo: Albert Einstein (Ajnŝtajn) kaj Sergeo Ĉaĥotin. La granda sciencisto baldaŭ fuĝas Usonon. Eŭropo freneziĝis, en Germanio Hitler akĝiis regpotencon kaj misacrs per milito. Sed Einsteni emas sin okupi nur per ,ciienco.

— Kaj vi, mia kara lernato, — konsilas li al Ĉaĥotin, — revenu al viaj eksperimentoj.

— Sed, estimata majstro kiel mi povas stari flanke de politiko? Se mi ŝlosos min en laboratorio, malkovros ion kaj la saman tempon la homaro ekstermos sin en sin en militoj. . . Kaj unu tago mi malfermos la pordon de mia laboratorio — al kiu do mi transdonu mian malkovron? Ne! Ni la sciencistoj ankaŭ devas batali!

Pascs jaroj, A. Einstein jam post Ĥiroŝima ekkomprenos la pravecon de soveta sciencisto. Sed en tiu tempo ankoraŭ plej teruraj hom-bestoj minacas la mondon.

Ĉaĥotin ridetes: „La azenoj venĝas al mi". Poste klariĝas: Li, rusa homo, naskiĝis apud Stambulo en familio de ruso konsulisto. Dum lia naskiĝo la insulo, kie ripozis liaj gepatroj, skuis tertremo. Ondego forlekis suristajn azenojn, lasitajn dum la nokto apud la maro. Matane la patro de Sergeo ŝercis: „Ho, la azenoj neniam pardonos tion al mia filo!" Kaj li pravis.

Jam en jaro 1902 Ĉaĥotin estis enprizonita kune kun aliaj ekribelintaj Moskvaj studentoj. Poste la caro dissendis ilin al iliaj naskiĝlokoj. Tiel Ĉaĥotin liberiĝis kaj forveturis Germanion kie li ekstudis ĉe N. K. Röntgen. Baldaŭ li defendis doktoran disertacion,faris sian famekonatan malkovron — per ultramalvasta radio operaciis ĉelon, kiu restis po la operacio viva (por tiu la boro jam en tridekaj jaro oni lin proponis por la No bela premio, sed kontraŭ li protestis faŝistaj scien cistoj — pro politikaj kaŭzoj

En la jaro 1912 akade miano Pavlov invitis lin la bori en Rusio. Ĉaĥotin fara hejme alian grandan mal kovron — montris eksperi mente, ke unuĉeluloj anka havas memorkapablon. Se dum la Revolucio li ne po vis daŭrigi sian sciencan la boron. Estante en sudo l klarigis al la kozakoj, k ilia gvidanto, la blanka ge neralo Krasnov vendas Ru sion al kajzero Wilhelmo Denove „la azenoj venĝa al li". Ĉaĥotin fuĝas a Francio, poste al Germanio kie li verkas siam fama artikolon „Al Kanoso" „El migrintoj devas reveni po kunlabori la bolŝevikojn" Reakciuloj, kiuj opiniis l profesoron sia natura alian cano, kruele atakis lin. Se Ĉaĉotin kunlaboras en pro gresivaj germanaj revuoj ka por defendi sian ruĝan pa trolandon li venas ĵurnalist al Ĉeneva paca konferenco kie li amike kunlaboras ku

---

*La legantara reeĥo por presito en gazeto ja ordinare esprimiĝas en leteroj. El la leteroj la redakcioj ĉerpas direktojn de konstruo kaj enpaĝigo de siaj materialoj. Kaj ni, eble, ne ĉiam dece aprezas tiun kanalon de influo al la preso.*

*Tamen multaj scias la efikecon de konkursoj, kiujn efektivigas la radio kaj la gazetaro de Pollando, Bulgario aŭ Jugoslavio.*

*Tial estus bone, se niaj kolegoj TEĴA-anoj e diversaj landoj regule rakontus en „Internacia Ĵurnalisto" pri tiu temo, kaj precipe, se ili indikus l gazeton aŭ radioelsendstacion, ĝiajn adresojn ka temojn, per kiuj estus bone mirigi, aŭ klerigi, a peti klarigon aŭ respondon de l'koncerna redakci kolektivo.*

*N. Danovski*

la sovetaj gvidantoj Ĉiĉerin kaj Krasin. Ĉar Germanio fariĝis la unua el la grandaj landoj, kiu agnoskis Sovetion, Ĉaĥotin eklaboris en nia Vendreprezentejo. Poste oni sendas lin labori science en Italio. Sed li esploris ne ĉelon sed alion — pure socian fenomenon — italan faŝismon. En Germanio li revenas jam sperta kantraŭ-faŝisto.

Mi trafoliumas libron de Ĉaĥotin „Tri sagoj kontraŭ svastiko" kiun li verkis germane kaj eldonis en Danando en jaro 1934. Sur la lkovrilo Hitler, fuĝanta de tri sagoj, simbolo, kiun kreis Ĉaĥotin mem.

. . . Bierejo. Eniras faŝistoj. Krianta slogano: „Zieg heil"! Kelkaj responde levas manon. Li salutas la naziistojn kaj oni opinias ke la faŝistoj amasiĝas. Dumnokte la hitleranoj makulas ĉion per sia svastiko. . .

Ĉaĥotin esploris la situacion de scienca vidpunkto. Faŝistoj penas timigi la etburĝojn, elvoki ĉe ili reflekson de timo, same kiel akademiano I. Pavlov plifortigis ĉe siaj esplorhundoj reflekson de malsato.

Hitleranoj plifortigas sian potencon. Kaj Ĉaĥotin proponis forstreki ĉiujn svastikojn per tri sagoj kontraŭ faŝista saluto levi alte pugnon. En mokaj kantoj pri-ridi kaj kripligi faŝistajn sloganojn. Tiel laborante soveta profesoro aŭspicis propagandon de socialista „Fere Fronto" (Der eisener Front)

En 1932 jaro komunaj fortoj de komunistoj kaj social-demokratoj malebligis la nazian potencon: Reichstagon malfermis K. Cetkin — „Ruĝa Klara". Sed la socialistoj emis al perfido. Ĉaĥotin vizitis ilian ĉefon Weiss, petegis lin kunlabori komunistojn, sed vane. La socialistaj gvidantoj decidis pli bone Hitler ol E. Telmann. Faŝistoj triumfis prenante la regpotencon. Al Ĉaĥotin venis la polico. Savita de la soveta ambasadoro li daŭrigis la batalon en Danio, Anglio — kie li vizitis Einstein — kaj poste en Francio.

La 1941 jaro oni renkontis lin apud Paruzo en nazia koncentrejo. La azenoj daŭras revenĝi al li. Sed inter la germanaj sciencistoj troviĝas veraj amikoj, kiuj pruvis al la faŝistoj, ke Ĉaĥotin estas nur biologo, ke pri politiko okupis alia Ĉaĥotin. La hitleranoj liberigis la profesoron, poste komprenis sian eroron sed tro malfrue: Ĉaĥotin jam estis kaŝita da franca rezista trupo.

Nia Patrolando bone akceptis sian filon. Ĉis la lasta tago li profesoris en Instituto par evoluo de la vivo. Nun li pensiiĝis sed daŭras okupi pri scenco. Doktoro pri biologio kaj doktoro pri filozofio, li defendas la vivon mem, batalante por paco. La inventita de li kontraŭmilita simbolo — forstrekita atombombo — estas mondkonata. Por tiu batalo li, scianta dek lingvojn, uzas taman Esperanton, kiun li ellernis estinta 8-jara knabo. Li ofte diras, ke lingvo internacia estas bona armilaro kontraŭ milito kaj imperiismo.

Pri tio pruvas lia longa kaj fruktodona vivo — ĉi jare oni festas lian 90-jaran jubileon. Ĉiuj povas persone saluti la plej multjaran esperantiston en la mondo laŭ la adreso:

Al prof. S. S. Ĉiĥotin, Lenina prospecto, domo 57, kv. 50 Moskva, USSR

**A. Rajnovskij.**

---

---

**Ne forgesu la novan adreson de nia redaktoro: Ivan Keremidĉiev—Esperov komplekso Krasno selo, blok 219, vhod 3, Sofia 80, Bulgario, tel. 56-58-77.**

## EL LA „KELKAJN RIMARKOJN RILATE RESPONDOJN PRI ESPERANTO", „IMPULSOJ" 3 DE UEA, JULIO 1973

### (FARITAJ DE PROF. D-RO IVO LAPENNA)

*En Impulsoj 2 s-ro Ernesto Sonnenfeld publikigis nombron da respondoj, kiujn oni povas doni al kelkaj demandoj kutime farataj de ĵurnalistoj dum intervjuoj, aŭ en aliaj okazoj, ekzemple dum diskutoj post prelegoj. La respondoj sugestitaj de s-ro Sonnenfeld estas plejparte trafaj, precipe se oni adaptas ilin al la konkretaj cirkonstancoj en sia lando kaj al la karaktero de la periodaĵo aŭ de la medio, por kiu ili estas donitaj. Aliflanke necesas fari kelkajn rimarkojn kaj principe kaj pri detaloj en la unuopaj respondoj.*

*La principaj rimarkoj rilatas unuavice al la enkondukaj vortoj de s-ro Sonnenfeld. Kvin punktoj postulas atentigon:*

*1.1. Literaturo: S-ro Sonnenfeld asertas, ke hodiaŭ eĉ la 30.000 eroj en la Biblioteko de BEA ne impresas, kiam naciaj bibliotekoj disponas pri pluraj milionoj da volumoj. Efektive, laŭ la dokumento de CED RDC/7, la Biblioteko de BEA havas ĉ 33.000 registritajn erojn, inter kiuj troviĝas ankaŭ gravaj eseoj kaj elstaraj mallongaj noveloj en diversaj periodaĵoj. Tio tamen ne estas la esenca punkto. Esenca estas la fakto, ke eĉ hodiaŭ amaso da personoj — amaso en la vera senco de la vortoj — scias absolute neniom pri la ekzisto de la Esperanta literaturo kaj fakte kredas, ke Esperanto eĉ tute ne taŭgas por literatura esprimiĝo. La ekzisto de la Esperanta literaturo estas per si mem impona dokumento ne nur pri la valoro de Esperanto kiel poezia kaj ĝenerale literatura esprimilo, sed ankaŭ pri la kultura enhavo de la lingvo. Tial necesas ĉiam akcentadi nian literaturon, aldone, kompreneble, al multnombraj aliaj utiligoj de Esperanto por kulturaj celoj, inkluzive sciencajn. Tiu valoro neniam malaktualiĝis, nek iam malaktualiĝos.*

*1.2. Ĉu fakte ĉiu jam aŭdis? S-ro Sonnenfeld (en la plua teksto S.) diras, ke ĉiu klera persono aŭdis pri Esperanto jam antaŭ 20, 30 aŭ 40 jaroj. Kio, do, pri la kleraj personoj, kiuj eĉ ne estis naskitaj antaŭ 20, 30 aŭ 40 jaroj? Kaj rilate la pli aĝajn: kion, fakte, ili aŭdis? Efektive, se oni laboras sur la kampo de informado, oni konstatas tre ofte, ke aŭ iuj personoj en iuj medioj (precipe en iuj landoj) neniam aŭdis pri Esperanto; aŭ ke iliaj scioj neniel respondas al la realaĵo. Necesas do ofte ripetadi aferojn, kiuj al ni, konantoj de la tuta problemaro, kelkfoje ŝajnas memkompreneblaj por ĉiuj, kvankam fakte ne estas tiel.*

*1.4. Artefarita kaj helpa: S. skribas, ke la rekomendo de la Principaro de Frostavallen eviti la epitetojn artefartita kaj helpa ŝajnas al li malpli taŭga, ĉar, li skribas, tiuj nocioj jam enradikiĝis en la konscio de la ĝenerala publiko. Li daŭrigas: Ne menciante ilin, ni simple kondutas kiel la strutoj: ni kaŝas niajn kapojn en la sablo. Efektive, kiel amplekse montrite en la tuta Unua Parto de Retoriko, en multaj prelegoj kaj artikoloj, dum la diskutoj en Frostavallen, laste denove en la serio por pli efika informado (en la revuo Esperanto, februaro 1971, p. 27) la esprimo artefarita estas science komplete nedefendebla, se aplikata al la lingvo. Krome ĝi kaŭzas malbonon al la Internacia Lingvo, ĉar en la konscio de la ĝenerala publiko la esprimo erare kredigas, ke Esperanto estas kontraŭnatura, do io nenormala aŭ eĉ morta, kompare kun la normalaj, naturaj, kaj tial vivantaj lingvoj. Cetere la demando, kiun S. starigis sur p. 6 de Impulsoj 2 klare montras kiamaniere estas komprenata tiu kontraŭscienca esprimo, se aplikata al la lingvo. Sekve restas valida la rekomendo de Frostavallen ne uzi ĝin. Tute alia afero estas kontraŭargumenti, se iu alia fakte uzas ĝin. Por tio, kiel dirite, ekzistas pli ol abunda materialo. La samo rilatas al la epiteto helpa. S. mem klarigas sur p. 6, ke ankaŭ la tutgermana estas fakte helpa. Tamen, oni ne legas nek aŭdas la kunmeton helpa tutgermana lingvo, sed tutsimple germana. La samo rilatas al kiu ajn alia lingvo. Efektive, se oni volus uzi la esprimon helpa, oni devus ĝin apliki nur al naciaj lingvoj, kiam ili estas uzataj kiel helpaj en internaciaj rilatoj. La Principaro de Frostavallen rekomendas ke oni nomu la lingvon aŭ Esperanto aŭ la Internacia Lingvo. Ŝajnas al mi, ke tiu rekomendo respondas al realo, estas science ĝusta, el psikologia vidpunkto nepre taŭga.*

*1.5. Esperanto kaj paco: S. diras, ke ni ne devas simple remaĉi la sloganon „Esperanto servas al la paco", ĉar la nuntempuloj pri tio nur ridetas kaj nin juĝas naivuloj. Kompreneble, se efektive oni nur remaĉas, tio fariĝas teda kaj aspektas naiva. Tute alia afero estas paroli pri la kuntena kaj solidariga rolo de ĉiu lingvo kiel socia fenomeno. Ankaŭ tiu demando estas jam vaste pridiskutita en la kadro de la Esperanto-movado kaj ekster ĝiaj kadroj. Estas nekontestebla fakto, ke lingvo kreas difinitan senton de solidareco inter la uzantoj, sed samtempe disigas la koncernan lingvan komunaĵon disde la aliaj. La Internacia Lingvo — ĝuste tial ĉar ĝi estas monde internacia — povas manifesti kaj fakte manifestas nur la kuntenan, solidarigan rolon, sed ne povas manifesti la disigan. En tiu senco — kaj nur en tiu — Esperanto ja kontribuas al internacia kompreniĝo kaj tial, en la vasta linio, al la monda paco. Ni tute ne devas honti pri tiu paciga rolo, sed, male akcenti ĝin. Nur, kompreneble, oni devas tion fari per taŭgaj argumentoj, bazitaj sur la atingoj de la nuntempaj sociaj branĉoj de la scienco.*

*2.1. Partopreno el socialismaj landoj en la kongresoj: La respondo pri tio, donita sur p. 2 de Impulsoj 2 ŝajnas al mi absolute maltaŭga por la socialismaj landoj. Estas tuta aro da aliaj kaŭzoj kaj motivoj, pro kiuj personoj el diversaj landoj ĉeestas aŭ ne ĉeestas la UK de Esperanto. Cetere, se oni efektive demandas „Ĉu Esperanto ankoraŭ ekzistas?" tio signifas ke en la koncerna lando aŭ en la koncerna medio nia informado estis lama aŭ eĉ tute ne ekzistis. (Tie eĉ oni povus mencii pri kelkaj aliaj kaŭ zoj kaj motivoj pli konkrete. Rim de I. J.*

*2.4. Granda familio; Sur p. 4 de Impulsoj 2 S. diras, ke la Esperanto-parolantoj sin konsideras iel membroj de unu granda familio tutmonda, tiel ke ĉiu vojaĝanto esperantoscia havas tuj en eksterlando aliron enfamilian ĉe la loka loĝantaro. . . Tiu aserto certe ne estas ĝusta. Krome, ĝi sendube iel kreas la impreson pri sekteco de la Esperanto-Movado. Kvankam Zamenhov mem parolis pri granda rondo familia k. s., kompreneble nur bilde, tamen tiu esprimo ne ŝajnas tute taŭga en la nuntempa moderna mondo. Estus pli utile paroli pri la solidariga rolo de la lingvo, kiel eksplikite supre, kaj pri la konkretaj servoj, kiujn prezentas UEA. El ili, aparte grava estas la delegita reto de la Asocio, absolute unika en la mondo.*

*2.5. Lernado de fremdaj lingvoj: sur p. 4 la respondo devus esti multe pli ampleksa. Oni lernas ne nur la anglan en Soveta Unio kaj Ĉinujo, sed ankaŭ la francan, germanan, hispanan, ktp., ktp. Kaj tio ne okazas nur en Soveta Unio kaj Ĉinujo, sed en ĉiuj landoj de la mondo oni lernas fremdajn lingvojn. La esenca punkto de la respondo devus esti, ke multaj milionoj da laborhoroj estas elspezataj ĉiujare por lernado de fremdaj lingvoj, sed kun nulaj aŭ nur minimumaj rezultoj. Parolante pri la lingva imperiismo — ne nur de la anglalingvaj — en la nuntempa mondo; pri la luktoj en la sino de UN, UNESKO kaj aliaj interŝtataj organizaĵoj, ktp., pri kio aperis sufiĉe abundaj kaj bonaj materialoj en LMLP kaj en aliaj dokumentoj de GED.*

*2.6. Internacieco de Esperanto: Sur p. 7 supre estas donitaj kelkaj informoj tiurilate. Ŝajnas al mi, ke necesas kompletigo. Unuavice necesus akcenti, ke la radikaro en Esperanto estus maksimume internacia ne tial, ĉar Zamenhof, la iniciatinto de la lingvo, estus preninta difinitan nombron da radikoj el diversaj naciaj lingvoj laŭ la grandeco aŭ tute arbitre, sed tial, ĉar en la procezo de la teknologia evoluo, ebliginta materiajn interŝanĝojn en mondaj kadroj kaj kaŭzinta internacian interdependecon, formiĝis kaj ĉiam pli formiĝas internaciaj vortoj. Krome, la esprimmaniero proksimiĝas. Sekve, ne estas grave ĉu iu radiko devenas de tiu aŭ alia lingvo, sed grava estas la demando ĉu ĝi fariĝis maksimume internacia. Plue, necesas ne forgesi, ke lingvo ne konsistas nur el vortoj, sed ankaŭ el la gramatika strukturo, prononco kaj skribo Se oni prenas en konsideron ĉiujn-ĉi elementojn, Esperanto montriĝas kiel maksimume internacia kaj tial egale proksima al ĉiuj nacioj. Fine, veran internaciecon de la lingvo difinas la internacieco de la kolektivo, al kiu ĝi apartenas, kaj la internacieco de la celo, por kiu ĝi estas utiligata.*

*2.8. Porpaca agado: En la respondo al la demando ĉu la Esperanto-movado havas specialan aktivadon por akceli kaj flegi la pacon, necesus, laŭ mi, unue distingi pri la t. n. memefiko (nome spontana solidariga rolo) kaj laŭcelaj agadoj. Inter la agadoj de UEA, direktitaj konscie al internacia kompreniĝo kaj monda paco, necesas mencii la praktikan humanecan laboron de UEA dum la Unua Mondmilito, la agadojn dum la Dua Mondmilito kaj tuj post ĝi, la kulturajn aranĝojn dum la universalaj kongresoj, la seminariojn por Homaj Rajtoj aŭ kontraŭ rasan kaj kulturan diskriminacion, la grandajn kampanjojn okaze de la Jaro de Homaj Rajtoj aŭ Jaro de Internacia Kunlaboro, la kulturajn festivalojn, la diversajn teatrajn trupojn ktp., aldone al la agadoj menciitaj sur p. 9. (Ti ĉi oni povus mencii ankaŭ la apartan pozitivan rolon de Mondpaca E-Movado (MEM), kies reprezentantoj pritraktas sian agadon ĉiujare aparte en la kadroj de la Universalaj Kongresoj deUEA. Rim. de I. J.*)*



# Humoro kaj satiro

## *Telefono*

*(fablo)*

*Ekblekis Azeno*
*Ĉe sia veno*
*Al Pitono:*
*„Kia estas via*
*Opinio*
*Pri telefono?"*
*— „Tute definitiva.*
*Negativa!"*
*— „Klal tia respondo?"*
*— „Memklare. Se la mondo*
*Ektelefonos universale,*
*Tio estos fatale*
*Danĝera*
*Al parolo senpera.*
*Krome, se nuna telefono*
*Estos sub ĉiu arbo kaj ŝtono,*
*Tio baros eblecon*
*Inventi pli perfektan specon.*
*Sed la cefa rezono,*
*Ke telefono*
*Estas artefarita lango*
*Sen karno, sen sango.*
*Kaj al mia naturo*
*Abomenas manufakturo!"*
*Kontenta pri sia iniciativo*
*Foriris Azeno kun klara perspektivo.*
*Kia feliĉa avantaĝo*
*Estas la amika saĝo!?*

* * *

*Por kompreno —*
*Di Azeno*
*La ĉikan' de serpento*
*Estas argumento.*

***N. Danovskij***

**El „Vie Nuove Ĝorni"**

RAKONTOJ SEN KOMENCO

**DISKUTO**

Virŝafo esprimis komunan miskomprenon. Leporo esprimis komunan antaŭtimon. Poste leviĝis la Leono kaj esprimis komunan opinion.

**PROBLEMOJ**

. . . Estis grave: kiu veturos, kien veturos, kiacele veturos. . .

— Kaj sur kiu veturos, — aldonis la kamelo.

**VIVKONCERNA FILOZOFIO**

. . . La celo pravigas la rimedojn, sed ho ve! — ne ĉiam ĝi donas ilin.

**HUMILECO**

. . . Aroganta fariĝas homo, kiam li vendas animon al la diablo, sed kiel humila li fariĝas, kiam li fordonas animon al dio.

**REVOJ ALTCELAJ**

. . . Se homoj kondutas kiel anĝeloj kaj laboras kiel diabloj

**LECIONO DE ELOKVENTECO**

. . . Kaj tiam Demosteno elkraĉis siajn ŝtonojn kaj enbuŝigis akvon.

* * *

1616

. . . Tiun jaron mortis Cervantes kaj Shakespeare. Sed neniu naskiĝis tiun jaron.

El la rusa tradukis *A. Sidorov*

*El „Ojlenŝpigel"*



***Malproksime de la fumado***



***Sen vortoj***

# AL LA RECENZINTO

Kun intereso kaj plezuro mi tralegis la recenzon de Erich Würker publikitan en PACO N-ro 4/1973 (GDR-eldono) kaj en „Der Esperantist," N-ro 57/58, januaro-majo 1973.

Estas bona tradicio recenzi. Kaj mi estas kortuŝita per la iniciato de k-do Erich Würker recenzi „La Kvardekunuan". Ĉar mi havas ioman rilaton al la traduko de tiu ĉefverko de B. Lavrenev, mi volus respondi al kelkaj kritikal frazoj de la recenzinto.

Mi silentas pri la laŭdoj. Mi volas en amika maniero respondi al kelkaj riproĉoj. La vorto „onisko" estas zoologia termino (latine„ oniscus murarius"). Ĝi signifas insekton, kiu vivas en diversaj malsekaj lokoj; neniu ne „neologisma" termino ekzistas por tiu. Ĝi troviĝas en ĉiuj esperantaj vortaroj.

Sed ĉefe mi volus respondi al la noto rilate **etridi** kaj rideti. Antaŭ ĉio tiuj du vortoj ne estas samsignifaj.

En germana lingvo por la ambaŭ estas la sama vorto „lächeln". Sed en aliaj lingvoj kaj en tiu nombro en la rusa, estas du vortoj.

Unu estas „ulybatjsja" — kiu signifas: montri per longdaŭra senpena mieno plezuron, ĝojon, agrablon. Esperantlingve ĝi estas **„rideti"**.

La dua estas „usmeĥatjsja" — kiu signifas per etdaŭra rido (ekrido) kun modera tono esprimi mokon, satiron eĉ eble malicon. En Esperanto por tio pleje taŭgas **„etridi"***.

Kio koncernas **„ŝtopis per histriko de fusiloj** kun bajonetoj homa knedaĵo", do eble estus pli kompreneble, se estus ŝanĝita la vortordo je: „homa knedaĵo ŝtopis per histrike distancigitaj fusilaj bajonetoj".

Sed tiu frazo estas same malorde konstruita rilate al la rusa lingvo. Kaj mi volis konservi tiun nekutiman, iom bizaran konstruon. Ĉion decidas finfine la vortoj" histriko de bajonetoj" kaj „homa knedaĵo". Per ili la senco de la frazo fariĝas tute klara.

**N. Danovskij**

*Rim de la redakcio: oni povas uzi por tiu ĉi nocio ankaŭ la vortojn: priridi, primoki.

*V. Fuglevic (Pollando)*



*Nu ne forgesu*

*Post la tria mondmilito!*

Al Landaj Asocioj kaj al redakcioj de Esperanto-gazetoj.

Estimataj,

Ĝoje ni informas Vin, ke ekde oktobro 1973. ni aperigos revuon Eszperantó Magazin ĉefe hungarlingvan por tiuj kiuj jam suferas la mizeron de plurlingveco kaj interesiĝas pri la solv-ebleco de nuna monda lingvoproblemo, sed ankoraŭ ne parolas la internacian lingvon.

Ĝi aperos ĉiun duan monaton en 10 000 ekz. Formato DIN A/4, 32 paĝoj + kovrilo.

Ni esperas, ke Vi povas utiligi la esperantlingvajn paĝojn, eĉ la enhavolisto montros al Vi per kiuj artikoloj ni varbas adeptojn. Samtempe ni ĉesigas abonon de Hungara Esperantisto, do ni petas Vin, ke la materialojn, interŝanĝekzemplerojn, kiujn Vi sendis por Hungara Esperantisto bonvolu estonte sendi por Eszperantó Magazin (sama adreso ĉe HEA).

Ni estonte sendos ĉiam kiel interŝanĝekzempleron anstataŭ Hungara Esperantisto, Eszperantó Magazin.

**HUNGARA ESPERANTO—ASOCIO**



Estimata S-no:

Antaŭ ĉio, ricevu korajn salutojn de argentina ĵurnalisto.

Tiu ĉi letero estas motivata pro mia intereso kontakti kun TEĴA. Laŭ tiu deziro, se vi povas, bonvolu sendi al mi la kondiĉojn por kunlabori kaj esti nova membro de la Tutmonda Esperantista ĵurnalista Asocio.

Atendante vian respondon, mi salutas denove vin kaj viajn samideanojn.

Ĉiam via ALFREDO MARIO CASCALLARES

Mia adreso: Ada. Corrientes 4667 — P. B. dto. 3. Capital Federal—Republica Argentina

(Respondo de la redaktoro: Vi estas bonvena en TEĴA, S-ano Cascallares. Via adreso estas enlistigita en la membro-kaj abonlisto de TEĴA.

---

*Ŝanĝo de adreso.*

Andrej Sidorov, ul. 26 Bakin Komisar 12, korp. 1, kv 7 Moskva, V — 526, Sovetunio

---

*LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKCIO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE GRATULAS LA MEMBRARON DE NIA ASOCIO KAJ LA ABONANTOJN DE „I. J." OKAZE DE LA NOVA 1974 JARO KAJ LA FESTOTAGOJ. ĈI ESTU FELIĈA, FRUKTODONA KAJ PACA POR ĈIUJ KOLEGOJ KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO! NI LABORU PERSISTE POR LA PLIFIRMIGO DE NIA ŜATATA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO!*

# KIEL ARANĜI EKSPOZICION?

*La Universala Ekspozicio de la Centro de Esploro kaj Dokumentado, kiu havis sian unuan elmontron en Montevideo (1954) kaj kiu poste estis prezentita en kelkaj aliaj lokoj, povas servi kiel modelo por aranĝado ge ekspozicioj fare de la landaj organizaĵoj aŭ lokaj grupoj. Jen kelkaj bazaj konsiloj.*

*Loka ekspozicia komitato formiĝu kelkajn monatojn antaŭ la aranĝo de la ekspozicio. Ĝia tasko estas trovi taŭgan ejon, financajn rimedojn por pagi la luon kaj aliajn elspezojn, prizorgi deĵoradon dum la ekspozicio kaj la necesan reklamon.*

*La ekspozicia materialo devas esti kiel eble plej abunda. Eĉ la Universala Ekspozicio ne posedas ĉiujn verkojn. En Montevideo estis necese komple tigi la ekspozicion per ĉ. 300 libroj el la biblio, teko de la Urugvaja Esperanto-Societo kaj el pri vataj bibliotekoj. La ekspozicia materialo devas enhavi ankaŭ plurajn grafikaĵojn, kiuj montras, ekzemple, la nombron de lernolibroj; la manierojn laŭ kiuj oni lernas Esperanton; la nombron de libroj kaj broŝuroj en Esperanto; la evoluon de la Internacia Lingvo en ciferoj; la nombron de radio-elsendoj; la disvastiĝtecon de Esperanto kaj la mondan etendiĝon de la Esperanto-movodo. Eldiroj de famaj personoj devas ankaŭ troviĝi en la eksvozicia materialo. En la verko „Pri internacia lingvo — dum jarcentoj", verkita de mag. I. Dratwer kaj eldonita de CED, troviĝas abundaj citaĵoj, kaj oni povas facile elekti la plej trafnjn por la konkreta kazo.*

*La ekspozicio devas okazi en vere taŭga ejo, ekzemple univessitato, instituto, lernejo, biblioteko, aŭ simila. Por ke la ekspozicio estu bone vizitata estas necese multe reklami ĝin per ĉiuj eblaj manieroj; afiŝoj, anoncoj en gazetoj, informoj pe radio, personaj invitoj al reprezentantoj de kulturaj instancoj, invitoj al lernejoj aranĝi kolektivaju vizitojn ktp. Plue, por ke la ekspozicio donu bonajn fruktojn, estas utile havi en la ekspoziciejo mem specialan budon, en kiu, se iel eble, oni vendas lernolibrojn kaj vortarojn. Post la eksdozicio oni devus malfermi novajn kursojn de Esperanto.*

### Gazetara konferenco donas gravecon

*Por doni kiel eble plej grandan gravecon al la ekspozicio, estas utile aranĝi specialan gazetaran konferencon jam antaŭ la malfermo. La personoj kiuj donas klarigojn al la ĵurnalistoj, devas esti bonaj konantoj de la Esperanto-movado, de ĝia historio, de ĝia nuna organiza stato. Krome, ili devas havi ampleksajn sciojn pri ĉiuj kulturaj eventoj kaj manifestacioo jen la Esperanto-movado (literaturo, revuoj, ISU, belartaj konkursoj, radio-elsendoj ktp.). Estas tre bone okazigi solenan inaŭguron de la ekspozicio kaj inviti al ĝi, per belaspektaj presitaj invitiloj, la plej elstarajn personecojn de la urbo.*

*La deĵorantoj ricevu precizajn informojn pri la maniero, laŭ kiu ili klarigs la ekspozicion al la vizitantoj. Plej oportune estas fari al la deĵorantoj prelegon pri tio antaŭ la inaŭguro. Devus ne okazi, ke la deĵorantoj ne scipovu respondi al iu demando. Jen nun konciza plano de la Universala Ekspozicio, laŭ la diversaj fakoj: lernolibroj; verkoj de Zamenhof; traduka beletristika literaturo; nacilingvaj tradukoj el Esperanto; originala beletristika literaturo; scienco, filozofio kaj religio, inkluzive fakajn vortarojn kaj terminarojn; arto, nome tradukoj kaj originalaj verkojn pri arto, libroj pri artaĵoj aŭ naturaj belaĵoj de diversaj landoj: radio kaj muziko (oni havi la eblecon aŭdigi bonajn Esperantajn diskojn aŭ sonbendojn); filmoj (se iel eble aranĝi prezentadojn de filmoj kun Esperanta parolo); gazetoj kaj revuoj; nacilingvaj verkoj kaj broŝuroj pri Esperanto; turismo kaj komerco (gvidlibroj, turismaj prospektoj, komercaj reklamoj). Filatela fako (poŝtmarkoj kun Esperanta teksto, poŝtaj stampoj, kolektoj havigitaj per Esperanto) povas esti aldonita.*

*En dokumento CED/INT./4 troviĝas pliaj detaloj pri la Universala Ekspozicio. Ĝi estas senpage ricevebla de la C. O. de UEA.*

### Prezenti ĉion, kion kreis la movado

*La Universala Ekspozicio estas impona prezento de ĉio, kion kreis la Esperanto-movado. Ĝi montras la kulturan valoron de la internacia Lingvo kaj ĝian socian signifon. Ĝi estas potenca atestilo pri la forto de la Esperanto-movado. Sed ĝi estas tia nur se oni tre atente preparas ĉion kaj se oni kun amo prizorgas eĉ la plej etajn detalojn. Se pro diversaj kaŭzoj ne estas eble elmontri tiun ampleksan ekspozicion en diversaj landoj, tamen oni povas utiligi por kiu ajn ekspozicio, eĉ relative modesta, la konsilojn pri la aranĝado de la Universala Ekspozicio de CED.*

**Ivo Lapenna**

## ĜENERALA KUNVENO DE MONDA TURISMO

Monda Turismo ankoraŭ estas nova asocio. Ĝin oni fondis en 1970 en Vieno. La 31-an de julio, en salono Klajĉ, okazis ĝia 3-a Ĝenerale Kunveno. La kunvenon ĉeestis pli ol 150 personoj el dekoj da landoj. Nikola Nikolov, ĝenerala sekretario de la organizaĵo, legis la raporton pri la agado por Esperanto en la turismo. La membraro kreskis, novaj landaj sekcioj estis starigitaj. Monda Turismo kaj UEA subskribis kontrakton por kunlaborado. La Asocio aŭspicias altnivelajn turistajn aranĝojn: Ora Esperanto-Feriado kaj Vintra Esperanto-Semajno en Bulgario kaj Internacia Naturamika Renkonto en Hungario. Kontraktojn por kunlaborado estis subskribitaj inter Monda Turismo kaj la Esperanto-asocioj en Hungario kaj Pollando.

La ĉeestantoj elektis novan estraron: Erik Carlen, vicprezidanto de UEA, fariĝis prezidanto kaj Nikola Nikolov estis reelektita ĝenerala sekretario.

La asocia statuto estis modifita. Tio donas pli grandan eblecon por agado.

Dum la kunveno oni lanĉis kampanjon „Esperanto en la Turismon" Per ĝi Monda Turismo strebas instigi la internaciajn, landajn kaj lokajn esperanto-organizojn aktive kaj koordinite agadi por Esperanto sur turisma tereno. La kampanjo daŭros ĝis 1980 kaj certe donos bonajn rezultojn, se Monda Turismo efektivigados ĝin insiste kaj la Esperanto-organizoj ne partoprenos la kampanjon formale.

Pli ol dek ĉeestantoj el: Bulgario, Aŭstrio, Pollando, Svedio, Nederlando, Belgio kaj Jugoslavio per siaj eldiroj, sugestoj kaj proponoj kontribuis al la sukceso de la kunveno.

### TURISMAJ INFORMOJ

*Jam funkcias la loĝiga servo de Monda Turismo „INTERGAST". Kiu deziras gastigi esperantistojn aŭ mem volas gasti ĉe eksterlandaj esperantistoj sin turnu al: „INTERGAST", P. K. 45, Sofia-C, Bulgario.

En preparo estas Esperanto-lernolibro por turistoj. Tiun taskon Monda Turismo komisiis al s-ro T. Kilian el Trebiĉ, ĈSSR, kiu verkis kelkajn lernolibrojn de Esperanto. La lernolibro estas praktika, la ilustraĵojn pretigos Al. Dimitrov el Sofia.

*En preparo estas Turista Kantaro. Tiun taskon Monda Turismo komisiis al la Turisma Komisiono de Hungara Esperanto-Asocio, kiu estas landa sekcio de MT.

Monda Turismo serĉas kunlaborantojn por pretigo kaj aperigo de terminaro por turismo, grimpado, kampado kaj turista orientiĝo.

Aperis 2—3- a numero de „Turismo per Esperanto", bulteno de Monda Turismo. En ĝi estas publikigitaj materialoj pri la agado de la Asocio, pri la kampanjo „Esperanto en la Turismon" kaj pri la aplikado de Esperanto en la turismo.

Monda Turismo en kunlaboro kun Bulgara Esperanto-Kooperativo kaj eldonejo „Fotoizdat" aperigis ok ilustritajn poŝtkartojn kun vidindaĵoj el Bulgario. La klarigaj tekstoj estas en bulgara kaj esperanta lingvoj. Estas aldonitaj slogano „Esperanto-lingvo de turismo", la adreso de MT aŭ ties emblemo.

*La 3-a Vintra Esperanto-Semajno okazos de la 1-a ĝis la 6-a de februaro 1974, sub la aŭspicio de Monda Turismo, en Pamporovo, Bulgario. Petu informojn de: Esperanto, Smoljan, Bulgario.

---

**Cefredaktoro: Ivan Keremidciev — Esperov, adreso: Komplekso Krasno selo, blok 219, vhod 3, Sofia 80, Bulgario, tel. 56-58-77**
**Heldredaktoro: Rajna Konstantinova**